


Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

**Jara kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

ANTVERPENO

1931

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.

Gen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kasisto: M. Jaumotte, Avenuo De Bruyn, 44, Antverpeno-Wilrijck.

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van der Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Sekcio de B.L.E. — M. Van Wanseele.

ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.

BRUĜO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.

BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. — P. Kempeneers, F-ino Obozinski.

CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.

CHENEE: « Grupo Esperantista » — F-ino L. Baiwir.

GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.

HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.

KORTRIJK: Grupo Esperantista.

LIEĜO: « Grupo Esperantista ». — Fern. Derigat.

LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.

LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.

LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.

MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.

NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.

SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.

SCLESSIN-LIEĜO: « Grupo Esperantista ». — René Dechesne.

THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.

VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.

**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».

**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj volu sendi al nia Generala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

17a JARO N-ro 6 (190) NOVEMBRO 1931.


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74'

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## 1907-LA JUBILEO DE "LA VERDA STELO"-1932

### Starigo de festkomitato

La Antverpena Grupo Esperantista « La Verda Stelo » estis starigata en la monato Januaro 1907 kaj la nuna prezidanto de « Belga Ligo Esperantista », S-ro Fr. Schoofs estis ĝia unua prezidanto.

Proksiman jaron do, tiu ĉi grupo festos la 25an datrevenon de tiu okazintaĵo kaj samtempe ankaŭ la arĝentan jubileon de la fondinto, kiu dum la daŭro de tiu kvaronjarcento ĉiam restis la fidela gvidanto de la societo, dum 20 jaroj, kiel prezidanto de la direktanta komitato; fine, post la oficialigo de la societo sur leĝaj bazoj antaŭ kvin jaroj, kiel prezidanto de la Administrantaro kaj honora prezidanto de la direktanta komitato, kies ĉiutagan gvidadon tiam reprenis de li S-ro Maur. Jaumotte, la nuna Liga kasisto.

Okaze de tiu duobla jubileo de la grupo kaj de la fondinto, al kiu oni devas aldoni pli malmultjarajn jubileojn de aliaj membroj de la grupo, la komitato de tiu grupo invitis la belgan samideanaron al la belga kongreso, kiu okazos je Pentekosto 1932.

Tamen tiu komitato, en speciala kunveno, decidis ke la grupo tamen festos en intima rondo, je la ĝusta dato de Januaro 1932, tiujn jubileojn. Ĝi tial kunmetis Festkomitaton, kiu prizorgos la detalojn de la diversaj aranĝoj.

Tiu komitato estas kunmetata jene: Prezidanto: S-ro Maur. Jaumotte; vic-prezidanto: S-ro Morris De Ketelaere; Sekretario: S-ro Aug. Faes; Kasisto: S-ro Edg. De Coster; Gazetara Sekretario: S-ro W. De Schutter; Festdirektoro: S-ro Louis De Hondt; Gvidanto de la Kant- kaj Teatra-sekcioj: S-ro H. Boffejon; Konsilantoj: S-roj Bolsius kaj G. Van den Bossche.

Post kelka tempo, tiu komitato donos al la membroj de « La Verda Stelo » plenajn informojn pri la unua januara serio de la jubileaj festoj.

Poste ĝi detale pristudos la organizon de la dua serio, kiu okazos dum la Pentekosta Kongreso, kaj pri kiu ankaŭ jam baldaŭ estos komunikataj interesaj informoj.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

***Kunveno de la komitato, Bruselo la 18 Okt. 1931***

*PROTOKOLO*

La kunsido estis malfermata je la 10a h. 30. Prezidas S-ro Fr. Schoofs, prezidanto de Belga Ligo Esperantista.

*Ĉeestis: S-ino* Elworthy-Posenaer, S-roj: C. Babilon, L. Champy, Fr. Schoofs kaj D-ro Van der Biest, konstantaj komitatanoj. Senkulpigis sin S-ro O. Van Schoor.

S-roj Kapitano Van Wanseele kaj Collin, el Aalst; F-ino Jaumotte kaj Faes, el Antverpeno; F-ino Thooris, el Bruĝo; F-ino Obozinski kaj D-ro Kempeneers, el Bruselo; S-roj Petiau, el Gento; Van Genechten, el Haselto; Delvoie kaj Turc por Chênée, Lieĝo kaj Sclessin; Leflot, el Lier; Cogen, el Ninove, grupaj delegitoj.

S-roj Geerinck, el S-ta Nikolao, kaj Hérion, el Verviers, senkulpigis sin.

*TAGORDO:*

1) *Akcepto de novaj grupoj.* — Novaj grupoj el Aalst, Chênée kaj Lieĝo estis unuanime kaj aplaŭde akceptataj. La prezidanto deziris koran bonvenon al la senditoj de tiuj grupoj kaj petis, ke ili bonvolu prezenti al siaj geanoj la gratulojn kaj bondezirojn de la Ligo.

2) *Financa situacio de B.L.E.* — S-ro Jaumotte, kasisto, priskribas la financan situacion de la Ligo, kiu estas sufiĉe bona; li insistas ke estas nepre necese ke la grupoj varbu pli da membroj se ili volas eviti ke la Ligo vivu el sia rezerva kapitalo. La delegitoj proponas diversajn rimedojn por ekvilibri la budĝeton. Inter ili la varbado de anoncoj por B.E. ŝajnas esti la plej taŭga. Varma alvoko al la grupoj estas farata por ke ili helpu en tiu direkto.

La kunveno decidis unuanime repreni la iaman kutimon pri monkolektado, kies listojn oni publikigos kiel antaŭe en « Belga Esperantisto », kaj laŭ propono de S-roj Van Genechten kaj D-ro Van der Biest la ĉeestantoj malfermis la donacadon por la Liga kaso, pro kies brila rezultato la prezidanto kore dankas, esperante, ke multaj liganoj sekvos la belan ekzemplon de la komitatanoj.

Estas ankaŭ decidate presigi en B.E. liston de rekomendataj hoteloj.

3) *Nacia Kongreso 1932.* — La prezidanto sciigas, ke la Ligestraro, rompante la kutimon, ke la naciaj kongresoj okazu alterne en la flandra kaj valona partoj de la lando, decidis, ke la proksima kongreso okazos la venontan jaron en Antverpeno pro la 25jara jubileo de la fondiĝo de la tiea grupo: « La Verda Stelo ». La sekvantan jaron oni reprenos la kutimon. La Komitato unuanime aplaŭdas tiun decidon.

S-ro Faes, je la nomo de « La Verda Stelo », tutkore dankas kaj promesas, ke lia grupo faros ĉion eblan por kunmeti plej allogan kongresprogramon kaj havigi al la kongresanoj plej agrablan restadon en la landa Metropolo. De nun li kore invitas ĉiujn gesamideanojn ĉeesti la kongreson kaj fari grandan propagandon por ĝi.

4) *Universala Kongreso en Parizo 1932.* — La prezidanto informas, ke la proksima universala kongreso de Esperanto okazos en Parizo de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto 1932. La aliĝiloj estas jam pretaj. Dek kvar belgaj

kongresanoj estas jam enskribitaj. La kotizo estas 125 francaj frankoj. Sinjoro Schoofs volonte akceptas la aliĝojn, kiujn li transsendos al Parizo. Por faciligi la organizon de tiu grava kongreso, oni bonvolu aliĝi kiel eble plej baldaŭ.

5) *Esperanta Filmo pri Danujo.* — La dana registaro eldonis propagandan filmon pri Danujo kun klarigoj en Esperanto. Tiu filmo havis grandan sukceson en diversaj landoj kaj ĝi estas nun havebla por Belgujo. Ĉar la klariga teksto estas nur en Esperanto, estas unika okazo por fari bonan propagandon por nia lingvo. La diversaj grupoj estas do varme petataj prezenti tiun filmon en sia urbo. La tekston oni sendos al la interesatoj por esti tradukata en nacian lingvon dum la prezentado.

6) *Lumbildoj pri Skotlando.* — La grupoj, kiuj deziras fari belan paroladon per lumbildoj pri Skotlando povas ricevi ilin senpage. Ili sin turnu al la Sekretario por pliaj informoj.

7) *Reelekto de la Ligestraro.* — La Ligestraro estis unuanime reelektata sen baloto: Prez.: Fr. Schoofs; Vic-Prez.: L. Cogen kaj P. Kempeneers; Ĝen. Sekretario: H. Petiau; Kasisto: M. Jaumotte.

8) *Diversaĵoj.* — S-ro Cogen sugestas, ke okaze de la Universala Ekspozicio de Bruselo en 1935 la Ligo kaj U.E.A. organizu partoprenon iom grandiozan en tiu ekspozicio.

La Ligestraro pristudos serioze tiun proponon.

S-ino Elworthy-Posenaer informas, ke okazis en Liverpool la solena inaŭguro ĉe la Universitato de Lektoreco pri Esperanto. Tiu fakto estas signifa por la plifirmigo de nia lingvo.

Laŭ propono de la Lieĝaj delegitoj, estis decidate, sendi gratulleteron al la Urbestraro de Lyon, kiu voĉdonis deziresprimon por la enkonduko de Esperanto en la lernejoj.

La kunsido finiĝis je la 13a horo.

## KIAL?

*Paroloj de Frans Verschoren* — *Muziko de Jaak Opsomer*

Kial batas kor' rapide
Kiam mi kun ci promenas?
Kial spiras brust' ekscite
Dum tra l'erikej' ni vagas?
Ho koreto,
Trezoreto,
Pro amfervor'
Jen batas nia kor'!

Kial sidas mi revante
En solena vesperhor'
Dum zefiro blovetante
Ludas kun la foliar'?
Ho koreto,
Trezoreto,
Pro amfervor'
Jen revas nia kor'!

Kial ravoplen-momento
Preterflugas por la kor'
Kiam mi, kun ama sento,
Dolĉe kisas vin, trezor'?
Ho koreto,
Trezoreto,
Pro amfervor'
Ĝojbatas nia kor'!

Tradukis L. COGEN.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **"La Verda Stelo".** — Sabaton, 4an de Oktobro intime kunvenis la membroj en « Witte Leeuw » kaj tie amuzis sin rakontante spritaĵojn, rakontetojn kaj fabelojn. En tiu « amuza vespero » kuraĝis paroli multaj membroj eĉ kelkaj, kiuj nur sekvis la elementan kurson. Bona ekzercado de nia lingvo estas tiuj rakont-vesperoj. Sabaton, la 10an vizitis nin samideano Schmidt el Bochum, Germanujo. Li faris, kun lumbildoj propagandparoladon por faldboato. La bildoj montris la boaton falditan kaj facile transporteblan en la strato. Mirigis nin la paroladisto, kiam li pruvis per la bildoj ke kvar eĉ kvin personoj povas esti transportataj sur la boato. Sur kelkaj bildoj ni povis vidi spertajn remistojn, kiuj kapablis veturi eĉ sur la ŝtonriveroj, kie la fluo estas rapidega. S-ro Schmidt veturas per tia boato kaj ĉiam tion faras sub la Esperanto-flago. Li estas konvinkita, ke tiel li propagandas Esperanton en la landoj tra kiuj li vojaĝas.

Sabaton 17an ni havis la ĝeneralan monatan kunvenon dum kiu oni povis raporti pri la sufiĉe multnombra partopreno de novaj elementoj en la rapida kurso kiun gvidas S-ro H. Boffejon. Ŝajnas ke rapid-kurso estas tre efika sed certe estas granda postulo de kursgvidanto meti sin je la dispono de kurso ĉiuvespere. La laboro estas grava sed la rezulto valorigas la klopodon.

La 24an S-ro Morris De Ketelaere faris interesplenan paroladon pri la dialektoj en la provinco Okcident-Flandrio. Per multnombraj kaj bone elektitaj ekzemploj li montris la parencecon de la diversaj lingvoj kaj dialektoj parolataj en la apudmarbordaj regionoj laŭlonge de la Norda Maro, de Francujo tra Belgujo kaj Nederlando ĝis la Skandinavaj landoj unuflanke kaj en Grand-Britujo aliflanke. La varman aplaŭdon de la multnombraj ĉeestantoj substrekis la bontrafaj dankvortoj, kiujn S-ro A. Faes direktis al la parolinto.

Poste F-ino Lek kaj S-ro Moy Thomas, el Londono, prezentis ĉarman sceneton « La Portreto », kiu tre plaĉis al la kunvenintaro, kaj per kiu nia angla amiko montris ree sian muzikan kaj poetan talenton. S-ro De Ketelaere transdonis al ambaŭ ludintoj la gratulojn kaj dankojn de la aŭskultintoj.

La 31an okazis en « Witte Leeuw » la unua dancfesto de la grupo. Amika kaj gaja atmosfero regis dum la tuta vespero, kiu daŭris ĝis la posta mateno.

**Laborista Popola Universitato.** — La kurso organizita en tiu popola universitato komenciĝis la 3an de Oktobro kaj kunigis pli ol dudek lernantoj. La profesoro estas S-ro Em. Willekens.

AALST. — **Sekcio de B.L.E.** — La 8an de Oktobro okazis en « Café Riche », Granda Placo, la unua kaj stariga kunsido de la loka sekcio de Belga Ligo. Ĉeestis dudeko da personoj.

La prezidanto de la kunveno, Kapitano M. Van Wanseele, deziras bonvenon al la ĉeestantoj kaj dankas ilin pro la intereso, kiun ili montras al nia lingvo. Li skizas rapide la longajn klopodojn faritajn de kelkaj lokaj izolaj esperantistoj kaj kies vere brila rezultato estas la hodiaŭa kunveno.

Tuj poste, oni diskutas kaj akceptas la grupan regularon, kiun prezentas samideano Van Wanseele. La kunveno decidas, ke la nomo de la grupo estos definitive: « Belga Ligo Esperantista — Sekcio de Aalst/Alost ».

La membroj poste elektas la komitaton. Kiel prezidanto estas unuanime kaj kun aplaŭdo elektita Kapitano Van Wanseele. Vic-prezidanto: Sinjoro A. Vander Elst. Sekretario: P. P. Collin, kiun, dum lia militservo, anstataŭos alia membro. Kasistino: F-ino A. Gits. Bibliotekisto: S-ro Symoens.

S-ro Van Wanseele dankas per jenaj vortoj la ĉeestantojn pro ilia elekto:

« Karaj Geamikoj, mi dankas vin ĉiujn pro la konfido, kiun vi montris al mi. Mi provos esti tia prezidanto, kia vi deziras, ke li estu. Mi ne deziras esti por vi « ĉefo » sed nur simpla kunhelpanto. Ni laboros kune por:

1e) perfektiĝi en la kono de nia Esperanto lingvo;

2e) varbi multajn membrojn al nia nova grupo;

3e) iĝi ne nur bonaj kompetentuloj rilate al la lingvokono, sed ankaŭ Esperantistoj, kiuj konas kaj praktikas la « internan ideon » de Zamenhof, nia kara Majstro. Unu el vi klarigos kiel eble plej baldaŭ la grandan signifon de tiuj vortoj: « interna ideo de Esperanto ».

» Sed mi de nun demandas al vi, ke vi estu ĉiam bonaj amikoj unu al alia, ke vi faru amikojn ekster la grupo kaj ĉefe ekster la limoj de nia lando. Ĉiam vi povos peti de mi adresojn de eksterlandanoj dezirantaj korespondi kun samideanoj el nia lando. La homaro nur paciĝos, kiam la diversaj popoloj povos interkompreniĝi. Vi pruvas, ke vi komprenis tion; sed ne sufiĉas: vi devas ankoraŭ bonintence doni okazon al aliaj, ke ili helpu por atingi tian belan celon; vi devas varbi novajn Esperantemulojn, kiuj poste devas iĝi Esperantistoj.

» Mi do esperas, ke mi povos fari por vi ĉion, kion vi postulas de via prezidanto kaj ke vi estos laboremaj membroj, bonegaj esperantistoj. »

La ĉeestantaro fine diskutadis kaj decidis pri ĉiuj aliaj detaloj de la organizado de la grupa vivo: kunvenoj, kursoj, paroladoj, k.t.p.

Nova kurso, flandra- kaj franclingva, komenciĝis la 15an de Oktobro, en « Café Riche » je la 20a horo. Por ĉiaj informoj oni sin turnu al la prezidanto kaj kursgvidanto: Kapitano M. Van Wanseele, Hertshage, 43, Aalst.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista**. — Dum Oktobro ni aŭskultis du interesajn paroladojn; la unua de S-ro Kempeneers (pri la Kunveno de Kolonjo, kun lumbildoj), la dua de S-ro Hart (pri Amsterdam, kun lumbildoj).

La kunveno de la 12a estis speciale interesa. S-ro De Kegel faris provlecionon laŭ rekta metodo. Krom la ordinaraj ĉeestantoj, estis dudeko da ne-esperantistoj. Ili atente sekvis la kurson kaj tre bone respondis al la demandoj de la profesoro. Poste, oni kantis kaj nia angla samideano S-ro Moy-Thomas, kiu ĵus vizitis nian grupon, amuzis la ĉeestantojn per sia kanta-kaj-gitara talento. — Okazis ankaŭ la kutimaj kunsidoj: ĝenerala kunsido (kun elektoj), parolata ĵurnalo kaj amuza vespero. — Granda aro de lernantoj sekvas nun la kursojn de F-ino Obozinski kaj de S-ro D-ro Kempeneers.

GENTO. — **" Genta Grupo Esperantista "**. — La 14an de Oktobro nova kurso komenciĝis kun ĉirkaŭ 15 gelernantoj, sub la gvidado de Sro Advokato Groverman. — La saman vesperon vizitis la grupon S-ro H. Moy-Thomas, Ĉefdelegito de U.E.A. en Londono.

HASELTO. — **" Haselta Grupo Esperantista "**. — Tiu grupo malfermis novan kurson de Esperanto, la 15an de Oktobro, gvidatan de la grupa

prezidanto, S-ro P. Van Genechten. La kurso okazas ĉiuĵaŭde de la 18a horo ĝis la 19 h. 30. Ĝi estis anoncita al la loĝantaro per cirkuleroj du-lingvaj kaj per okultrafaj anoncoj en la lokaj kinematografejoj.

LIEĜO - CHENEE - SCLESSIN. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto**. — La 10an de Sept. la Societo havis la plezuron akcepti en sia sidejo frisan samideanon, S-ron Sipke Stuit, lerninton de S-ro Uyttendyck, el Hilversum, kiu forlasis sian hejmon proksimume 15 tagojn antaŭe kaj estas faranta rondvojaĝon en la mondo propagandante por Esperanto. Plej afabla akcepto estis rezervata al nia juna kuraĝa samideano, kiu post agrabla restado de 3 tagoj en Lieĝa Esperantujo direktiĝis al Nice tra Huy, Namur, k.t.p.

La 19-an, kiel anoncite, estis prezentita en teatro Fontainebleau, laŭ iniciato de Komitato « Emile Gérard », revuo en kiun ni sukcesis enŝovigi Esperantan scenon, kiu trafis bonan sukceson.

La 20-an, nia koncerto en Radio-Cointe ankaŭ plene sukcesis. Ĉiuj koncertintoj faris bonegan prezentadon kaj estis tre ŝatitaj; ili estu gratulataj kaj dankataj pro sia altvalora partopreno. La belega parolado de nia Prezidanto, S-ro Baiwir, nome vekis grandan intereson al nia afero kaj tre efikis por la malfermo de nia radio-kurso, la 24-an, sub sperta gvido de nia talentoplena lingvisto S-ro Derigat, Prezidanto de la Lieĝa grupo. Tiu kurso, okazanta ĉiun ĵaŭdon je 20 h. 30, konsistigas plej bonan propagandon por nia lingvo.

La unua semajno de Oktobro estis por la Lieĝanoj vera esperantista semajno: krom du ordinaraj laborkunsidoj, okazis efektive dum ĝi la malfermo de tri kursoj en la regiono. La tuta Komitato de S.L.P.E. ĉeestis ĉiujn tiujn ceremonietojn, en kiuj S-ro Baiwir, nome de ĝi, oficiale malfermis la kursojn per trafaj paroladetoj, post kiuj li prezentis komitatanojn kaj profesorojn.

La kursoj ricevis en Chênée 23 aliĝojn, en Lieĝo 21 kaj en Sclessin 14. Ili estas gvidataj: en Chênée, la lundon, de F-ino L. Baiwir, Honora Direktorino de Lieĝa Profesia Fraŭlina Mezlernejo, Prezidantino de Chênée'a grupo; en Lieĝo, la mardon, de S-ro R. Dechesne, ĝenerala sekretario de S.L.P.E., kaj de S-ro C. Thirifays, Sekretario de Lieĝa grupo, kiel helpanto-anstataŭanto; en Sclessin, la vendredon, de S-ro R. Dechesne, Sekretario de Sclessin'a grupo.

La agado de la Societo ne estas tie limigita; la komitato efektive senĉese propagandas ĉu parole ĉu ĵurnale.

Ĝi ankaŭ interrilatis kun la Lieĝa Komerca Ĉambro kaj sukcesis, ke tiu ĉi rekomendis la S.L.P.E. al siaj membroj por la traduko de dokumentoj redaktitaj en Esperanto.

---

# NIA FAMILIA KRONIKO

## NEKROLOGO

**S-ro Henri Joseph De Hondt,** Polic-inspektoro, patro de S-ro Louis De Hondt, profesoro de Esperanto kaj komisaro de « La Verda Stelo » kaj de S-ro Armand De Hondt, membro de sama grupo, mortis en Antverpeno, la 9an de Oktobro. Granda aro de estroj, kolegoj kaj amikoj kondukis lin al lia lasta ripozejo, la 13an. La funebrantaj vidvino kaj infanoj akceptu niajn sincerajn kondolencojn kaj esprimon de nia simpatio.

# PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — " **La Verda Stelo** ". — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France ; ĉiusabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

5 Nov. : Malfermo de nova elementa kurso, gvidota de F-ino M. Jacobs, en la urba instruejo Belgiëlei, 99, avenue de Belgique, je la 20a h.

7 Nov. je la 20 h. 30 : Gramofonkoncerto en la sekretariejo, Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

14 Nov. : Parolado kun lumbildoj pri la Skotaj montoj.

21 Nov. : Ĝenerala monata kunveno.

28 Nov. : Parolado de S-ro W. De Schutter pri la ekspozicioj de Antverpeno kaj Parizo.

5 Dec. : Gaja vespero.

BRUSELO. — " **Brusela Grupo Esperantista** ". — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

2 Nov. : Prezentado de la nova komitato. Diskutado de la grupa regularo.

9 Nov. : Amuza vespero, societaj ludoj. Ges-roj Spielfiedel legos dialoge « Hejma Paco », komedieton de Courteline.

16 Nov. : S-ro Spielfiedel parolos pri La Rusa Literaturo.

23 Nov. : Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj. S-ro Mokay parolos pri la Skotaj montoj (kun lumbildoj).

30 Nov. : S-ro Lavisse parolos pri la Abatejo de Villers (kun lumbildoj). Poste, parolata ĵurnalo.

BRUĜO. — " **Bruĝa Grupo Esperantista** ". — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

3 Nov. : Kanta vespero. Prezidos F-ino A. Boereboom. (Oni ne forgesu la tekstojn).

10 Nov. : Deklama vespero. Prez. : F-ino Y. Thooris. Ĉiu ĉeestanto deklamos ion laŭ sia plaĉo.

17 Nov. : Skriba korespondado kun radio-aŭskultantoj. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

24 Nov. : « Ni inventaras nian kunvenejon ». Praktika interparolado. Prez. : S-ro G. E. Guillaume.

*Sekvantaro :* Dimanĉon 1-an de Nov. la grupo partoprenos, kiel ĉiujare, la funebran sekvantaron ĝis la milita tombejo. Oni kunvenas malantaŭ nia flago, en la komenco de St. Jorisstraat-rue St. Georges, je la 10 h. 30. Neniu forestu !

GENTO. — " **Genta Grupo Esperantista** ".

Ĉiumerkrede, je la 19a h., en la urba lernejo : Nova strato Sankta Petro, 45, okazos : a) unuagrada kurso gvidota de S-ro Groverman ; b) perfektiga kurso kaj grupa kunveno sub la gvidado de S-ro Petiau.

LIEĜO. — **“ Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto ”.**

Post la laboro, la amuzo. La Societo nun projektas fari ĉiun monaton dum vintro unu amuzan familian vesperon en sia sidejo. La unua okazos la 8-an de novembro sub lerta direkto de S-ro F. Derigat, Prezidanto de la festkomisio, kiu estigos en nia hejmo kvazaŭ Montmartre'an trinkejon.

La festkomisio ankaŭ enskribis en sian programon la organizon de rea radio-koncerto dum la kurslibertempoj ; tiu dua prezentado estis decidita pro la granda sukceso de la unua kaj ankaŭ pro la peto de multaj radio-aŭskultantoj, kiuj trovis nian septembran feston tre agrabla kaj esprimis la deziron, ke Radio-Cointe disaŭdigu multfoje tiajn koncertojn.

---

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso :* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

## REGULAJ ESPERANTO-DISAŬDIGOJ :

**Dimanĉo :** 9.30—10 h. : Lille P.T.T. Nord, 266 m. *A. Trottin :* Esp.-kurso kaj informoj.

14.30—15 h Leipzig, 259 m., Dresden : *D-ro Dietterle : Esp.-kurso.*

**Mardo :** 20—20.10 h. : Tallinn, 500 m. : Informoj pri Estonio kaj Esperanto.

21—21.10 h. : Radio-Normandie (Le Hâvre), 223 m. : *Prof. Dubuisson.* Informoj. (Ĉiun duan mardon. Precizaj informoj mankas.)

**Merkredo :** 19.5—19.30 h. Stuttgart, 360 m. Freiburg : *D-ro Vogt.* (Ĉiun duan merkredon : 14, 28 Okt.)

**Ĵaŭdo :** 18.45—19.15 h. : Paris P.T.T., 447 m. :*Prof. Rousseau : Esp.-kurso.*

21—21.20 h. : Kaunas, 1935 m. : Parolado. (Precizaj informoj mankas.)

**Vendredo :** 19.30—19.35 h. : Stuttgart, 360 m. Freiburg : *Prof. Christaller :* Semajna Programo.

22.15—22.25 h. : Breslaŭ, 325 m., Gleiwitz, 253 m. : *M. Polier kaj. W. Meder :* Paroladoj.

18.45—19.15 h. : Heilsberg, 276 m., Königsberg, Danzig : Semajna Programo.

20.15—20.30 h. : Lyon-la-Doua, 466 m. : *H. Borel :* Informoj.

21.45 h. : Harkov, 938 m. : Informoj

**Leipzig-Dresden.** — La Saksa Esp.-Ligo instigis la sendsocieton « Mirag » aranĝi intervjuon kun Ges-roj Morariu, la 4an Oktobro 18-18.30 h. M.E.T. Sendu poŝtkarton pri la aŭdado al tiu Ligo, en Grossenhain in Sa.

**Stockholm** (435.4 m.) kaj ĉiuj svedaj stacioj sendos dumvintre Esperanto-prelegon, la unuan dimanĉon ĉiumonate 12.15—12.45 h. Komenco : 4 Okt. Malmgren-Jansson : Somerkursoj kaj vintra laboro Esperanta. Sendu karton pri aŭdado al A.B.F. Centralbüro, Stockholm.

El **Köln-Langenberg** komenciĝis de la 11a Okt. nova radio-kurso por komencantoj, kiun gvidas S-ro Wingen, laŭ lernolibro «Das leichte Esperanto».

Nova dissendo je tre mallongaj ondoj per amatoraj sendstacioj estas preparata de S-ro Matthews.

# MIA JUBILEO

Hodiaŭ mi prifestas min per tiuj ĉi linioj. Hodiaŭ, antaŭ dudek kvin jaroj, mi eklernis Esperanton. Ĉar, hazarde, ĝi koincidis kun la datrevena tago de mia naskiĝo, mi neniam forgesis nek forgesos la daton. Kelkajn tagojn antaŭe, S-ino Broymans, kiu estis amikino el niaj junecaj jaroj, alparolis min, ĉe la eliro el niaj respektivaj najbaraj lernejoj: « Nu, Manjo, ĉu vi ĉeestos mian kurson de Esperanto, kiu komenciĝos proksiman vendredon » — « Vendredon? Ĝi estas por mi iom malfacila tago, mi tiam korektas la redaktaĵojn de miaj lernantinoj. » — « Ho, mi nur ŝercas, ŝi diris iom moke; mi ja scias, ke vi neniam havas tempon. » Ĉu tiu piketo pliincitis min, mi ne scias. Sed la morgaŭan tagon mi jam atendis ŝin ĉe la sama elirejo, kaj diris: « Mi venos al via kurso; la laboron kiun mi kutime faris vendredon, mi povos fari jaŭde. » Kaj tiamaniere, la vendredon 19an de Oktobro 1906, en klaso de la mezgrada lernejo de la Eikenstraat en Antverpeno, mi estis inicata kun la beleco, belsoneco, simpleco, logikeco, utileco, k.t.p. de la helplingvo Esperanto kaj kun la alteco de ĝia celo. Mi ne mokas, kompreneble, sed vi konas la kutiman kliŝon. De la unua leciono mi entuziasmiĝis. Post tri lecionoj, kaj kelkaj esploroj tra la lernolibro, mi verkis, per simpla Esperanto, varbigan letereton por mia bona amikino en Lieĝo, la nuna generaledzino M.; antaŭ ol sendi ĝin, mi ĝin montris al mia profesorino, kiu ĝin opiniis perfekta. La amikino, bedaŭrinde, nur respondis per mokoj, kun la konkludo ke mi agus pli bone pliperfektiĝante en la angla lingvo, tiel utila, k.t.p. Sed ŝi estis ŝerculino, kaŝemulino! Kiam du monatojn poste, en la Kristnaska libertempo mi vizitis ŝin en Lieĝo, ŝi alparolis min per Esperanto! Ŝi estis sekvinta kurson kiu ĵus komenciĝis en Lieĝo, en ĉambro de la Universitato, je la momento kiam ŝi ricevis mian letereton. Ŝi nenion skribis pri tio ĉar ŝi volis surprizi min. Kaj eĉ, ĉar en ŝia kurso oni uzis la deklecionan libron de Cart, kaj ni uzis la pli longan metodon de de Beaufront, ŝi estis jam pli antaŭe en la Esperanta studado ol mi. Mia unua varbiga penado estis do plenefika!

En tiuj unuaj semajnoj de mia studado tio estis vera frenezo. En novembro mi havis iom seriozan bronkiton kaj dum tri semajnoj ne povis eliri. Kion fari? Mi petis la kuraciston ke mi povu ĉeesti la Esperantan lecionon, mi tiom bedaŭre devus preterlasi ĝin. « Jes, li diris, kondiĉe ke vi iru veturile. » Tamen mia veturilo estis la tramo, ĉar ĝi haltis ne tro malproksime de mia domo nek de la kursejo. Kaj tiel mi tri fojojn, varme envolvita per lanaĵoj aŭ felaĵoj, kvazaŭ ŝteleniris la lernejon kie okazis la kurso, kaj kiu estis flanke de tiu el kiu mi devis foresti de mia taga laboro. Mi ne ŝatus ke la pordistino vidu min preterpasantan kaj diru al miaj koleginoj, eble al la direktorino, ke ŝi min vidis sur la strato. Tamen, ĉio preterpasis kontentige, mia malvarmumo ne tro pligraviĝis kaj mi ne forestis el unu Esperanta leciono. Tiu deviga hejmrestado estis granda helpo por miaj unuaj Esperantaj konoj. Ĉe la fino de la unua leciono la profesorino enskribigis nin kiel membrojn de « Antverpena Grupo Esperantista », kun la promeso ke ni ricevos la ĵurnalon « Belga Sonorilo ». Kaj la unua numero kiun mi recivis atingis min dum mia malsano. La tutajn tagojn mi deĉifris ĝin, de la unua litero ĝis la lasta, kaj

dum la noktoj grandaj kunmetitaj vortoj dancis antaŭ miaj okuloj kaj en mia cerbo. Estis vera obsedo. Mi memoras ke la vorto « plektobarilo » dum pluraj tagoj obstine persekutis min.

Iom post iom mi transpasis tiun frenezecan periodon de mia Esperantistiniĝo, sed ĉiam, dum la dudek kvin jaroj ĵus forpasintaj, mia fervoro, admiro kaj amo por la Zamenhofa lingvo restis la samaj.

Per Esperanto la tuta mondo malfermiĝis por mi; per Esperanto mi trovis amatajn kaj ŝatatajn amikojn en diversaj fremdaj landoj; multajn el ili, pro malfacilaj vivcirkonstancoj, mi devis malzorgi, kvazaŭ forgesi, sed fidelaj rememoraj pensoj ofte reiras al ili, kaj eble iliaflanke al mi. Per Esperanto mi ekkonis mian bonan bedaŭratan edzon. Dank' al Esperanto mi havis la ĝojon ĉeesti kelkajn el tiuj grandiozaj kunvenoj de popoloj ĉiulandaj, unuigitaj en unu komuna penso de interfrateco, kiuj estas niaj universalaj kongresoj. Kaj pro Esperanto mi havis la grandan ĝuadon en diversaj okazoj alporti mian ŝtoneton al la konstrua laboro kiu devas certigi ĝian triumfon.

Hodiaŭ mi pasigis mian naskiĝtagon, kaj mian Esperantan jubileon, en mia kutima soleco en mia granda malplena hejmo, — malplena je vivantaj estaĵoj, je amo, je amikeco. La aŭtuno kaj la vintro de la vivo ne ĉiam estas gajaj. Mi min okupis kiel kutime per devigaj senspritaj laboroj, el kiu lavi potojn kaj telerojn estas unu, suprenporti karbon el la kelo, balai la sekajn foliojn en la avenuo antaŭ mia domo estas aliaj. « Noblesse oblige », la nobeleco de la « novaj malriĉuloj », kiu devigas ilin, ĝis en maljuneco, je ĉiuspecaj neniam supozitaj taskoj. Tamen, hodiaŭ, por prifesti la okazantaĵon, mi alternigis tiujn taskojn kun la verkado de tiu ĉi artikoleto, jen paragrafo, jen alia, kaj tio donis al mi ĝojon kaj konsolon. Malsataj koroj iĝas kontentaj je malmulte. Mi estas nun kvindek-sepjara. Ĉu tio gravas? Ke mi fariĝu sesdek-sep, aŭ sepdek-sep, aŭ eĉ pli, tiel longe kiel miaj moralaj kaj fizikaj fortoj tion permesos, mi ilin dediĉos laŭeble al la bono de Esperanto. Ĉu multe, ĉu malmulte, mi faros kion mi povos, ĝis la fino. Tion mi solene promesas en tiu tago de mia jubileo.

19an de Oktobro 1931. Maria ELWORTHY-POSENAER.

## POR LA KONGRESO DE PARIZO (1932)

**Fervoja rabato sur la belga fervojaro.** — Ni havas la plezuron sciigi, ke la Nacia Societo de la belgaj fervojoj, laŭ peto de Belga Ligo Esperantista, jam konsentis 35 % da rabato al ĉiuj belgaj kongresanoj kaj al ĉiuj alilandaj, kiuj trapasos Belgujon. Same estas jam konsentita rabato de 30 % sur la irkaj reirbileto Dover-Ostendo-Dover. La specialaj rabatbiletoj estos haveblaj de Belga Ligo Esperantista, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno, kontraŭ sendo de respondkupono de U.E.A. kaj sciigo de la kongresnumero.

*Belga karavano* al Parizo estos organizata. Detaloj sekvos en niaj proksimaj numeroj.

**Aliĝoj el Belgujo.** — Ni scias, ke ĝis nun aliĝis jam 14 belgaj gesamideanoj. Ni esperas, ke multaj aliaj baldaŭ sin enskribos. Aliĝojn sendas laŭ peto S-ro Fr. Schoofs, adreso ĉi supre, kiu ankaŭ volonte peras la sendon de la kotizo, kiun oni povas sendi al lia poŝtĉekkonto n-ro 284.20.

# JUBILEA FESTO DE LA GRUPO EN KOLONJO

La grupo de Kolonjo festis la 25an datrevenon de sia fondiĝo je la 3a kaj 4a de Oktobro kaj invitis la gesamideanojn el la najbaraj landoj partopreni siajn festojn. Al tiu afabla invito respondis el Belgujo: S-ro Schoofs, Ges-roj Kempeneers, S-roj Benoit, Braet kaj Heughebaert.

La 3an, la esperantistoj kore akceptis la partoprenintojn kaj tuj organizis por ili gvidadojn tra sia urbo. Vespere ili organizis belegan jubilean solenon en « Colonia-Domo », en kiu faris la festparoladon S-ro Fr. Kurth, prezidanto de la grupo. La alilandaj delegitoj tie prezentis siajn gratulojn al la jubileanta grupo. Tiu oficiala parto estis enkadrita de bela programo kun teatra, muzika, deklama kaj danca partoj. Amuza parto kun multaj kunkantoj kaj tre gaja balo finigis la nokton.

Dimanĉon, la 4an, antaŭtagmeze okazis germanlingva parolado de S-ro J. R. Scherer en la Kuracista Domo. La salono estis pli ol plena. La cirkaŭ la mondo vojaĝanta delegito de I.C.K. montris serion de belegaj lumbildoj precipe el Japanujo kaj kun vervo kaj interesigo rakontis pri siaj spertoj en tiu lando. Li parolis klare kaj simple sed tiamaniere, ke post duhora aŭskultado kaj vidado, la ĉeestantaro kun bedaŭro akceptis la finvorton de la oratoro kun la relumigo de la salono. Laŭ tia elmontro oni ne povas dubi pri la bona laboro farata dum tiu mondvojaĝo, kaj pri la bona ideo de I.C.K. akcepti la organizon de ĝi.

Post komuna tagmanĝo en Fränkischer Hof, la kunvenejo de la grupo, okazis tie ankaŭ la jara laborkunsido de la Rejnlanda-Vestfalia Esperantoligo, kiun ĉeestis pli ol 200 membroj de la grupoj el la regiono. Ĉe la fino de tiu kunsido, S-ro Schoofs kore invitis la ĉeestantojn por partopreni en la jubileaj festoj de la Antverpena grupo Esperantista « La Verda Stelo » kiu proksiman jaron, je la okazo de la belga Esperanto-kongreso, festos sian 25-jaran jubileon. La varme subtenan parolon de S-ro Wingen, Prezidanto de la kunveno, kaj la entuziasma aplaŭdado de la ĉeestantoj, estas garantio, ke multajn el ili ni povas atendi je proksima pentekosto en Antverpeno.

Post la kunsido S-ro Scherer faris novan paroladon, en Esperanto, pri sia vojaĝo tra la Nederlanda Hindujo, Palestino kaj Egiptujo. La montrado de nova serio de mirinde belaj bildoj kaj la simpla sed ĉarma parolo de la oratoro estis rea ĝuo por ĉiuj. La varma aplaŭdo, kiun li rikoltis duan fojon estis vere meritita kaj ni ne povas fini ĉi tiun raporteton ne sendante al S-ro Scherer nian sinceran gratulon pro lia taŭga laboro.

Kaj la festoj de la Kolonja grupo finiĝis per agrabla kaj ĝojoplena kunesto, dum kiu estis trinkata pli ol unu glaso da biero kaj dum kiu estis prezentataj du marionetludoj en kiu havis rolon ĉiuj « eminentuloj » el la loka Esperanto-movado.

Ĉiuj partoprenintoj lasis en Kolonjo dankon al la tieaj gesamideanoj kaj korajn bondezirojn por estonta efikplena laborado.

## Helpu daŭrigi la konstruon de Zamenhof-Monumento en la naskurbo de la Majstro!

*Karaj gesamideanoj ĉiulandaj!*

Kiel vi scias el la Esperanta gazetaro, la 12an de Aŭgusto n.j. en Bialystok, la naskurbo de nia Majstro, okazis impresiga solenaĵo: en ĉeesto de altaj reprezentantoj de pola registaro, urbestraro, delegitoj de societoj kaj organizaĵoj, kiel ankaŭ multaj Esperantistoj, alveturintaj el diversaj landoj, estis metita FUNDAMENTO-ŜTONO por ZAMENHOF-MONUMENTO, konstruota en formo de altega (12 metrojn) Babela Turo kun skulptaĵo de nia Majstro laŭ projekto de fama varsovia artskulptisto A. Ostrzega.

Tuj post la okazinta solenaĵo la Organiza Komitato de Zamenhof-Monumento en Bialystok daŭrigis la laborojn, finkonstruinte la ampleksan fundamenton. La Komitato energie klopodas por plua rapida daŭrigado de la konstruo de la Monumento mem.

Estas kompreneble, ke tiom grandioza laboro povas efektiviĝi nur, se kunhelpos la tuta Esperantistaro. Kompreneble tial, la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado aprobis monkolekton por tiu celo inter la tutmonda gesamideanaro.

Ni petas tial kore ĉiujn gesamideanojn, ke ili laŭ siaj povoj monoferu por la Monumento.

En ĉiuj landoj niaj honoraj reprezentantoj disvendas t.n. BRIKOJN. La prezo de unu briko egalas afrankon por eksterlanda letero (2 b. fr.). Neniu Esperantisto rifuzu aĉeti unu aŭ kelkajn brikojn por la Monumento.

Kiu donacas almenaŭ dekoblon de la brikoprezo (b. fr. 20,—) ricevas specialan DANKLETERON kaj estas enskribata en la ORAN LIBRON DE LA MONUMENTO. La nomoj de tiuj monoferantoj aperos krom tio en la esperanta gazetaro. La unua listo estos baldaŭ publikigita.

Ĉiu do helpu nian monkolektadon, kiu restas sub aŭspicioj kaj kontrolo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado kaj sub honora protekto de Bialystoka provincestro, la alta reprezentanto de Pola Registraro.

Ĉiuj pagoj povas esti farataj al la landaj kaj lokaj honoraj reprezentantoj, al la Centra Oficejo de UEA, redakcio de « Heroldo de Esperanto » aŭ senpere al la Centra Kaso de la Organiza Komitato en Bialystok, poŝtĉekkonto Varsovio N-ro 69.240; bankkontoj: 1) Komunalna Kasa Oszczednosci, Bialystok, 2) Bank Wlascicieli Nieruchomosci, Bialystok. Adreso de la Komitato por leteroj estas: Bialystok, poŝtkesto N-ro 120.

Ni plej kore dankas ĉiujn gesamideanojn, kiuj ĝis nun bonvolis sendi al ni siajn monoferojn kaj petas pri plua subteno de Esperantistaro, kies honora devo estas kunlabori por DECA HONORIGO DE NIA NEFORGESEBLA MAJSTRO.

*La Organiza Komitato de Zamenhof-Monumento en Bialystok:*

Sekretario: J. Dubinski. Prezidanto: J. Ŝapiro.

Bialystok, en Septembro 1931.

ATENTU: Por Belgujo akceptas monoferojn Honora Reprezentanto de la Komitato: S-ro Frans Schoofs, Prez. de B.L.E., Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11; Poŝtĉeko: 28420.

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

ANTVERPENO:

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

BRUSELO:

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

NINOVE:

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

# BONHUMORO

NE NOVA SED MALMULTE KONATA ŜERCO. — Mizere vestita viro prezentas sin ĉe Rothschild kaj petas permeson paroli kun li.

— Kial? demandas iu sekretario.

— Mi havas rimedon, per kiu li povas gajni 25 milionojn.

— Mi iras por vidi.

Rothschild konsentas akcepti la malriĉulon, lin ekzamenas, vidas liajn ŝuojn oscedantajn kaj lian ŝiritan kolumon.

— Kaj vi diras, amiko mia, ke vi povas gajnigi al mi 25 milionojn?

— Jes, Sinjoro.

— Kiel?

— Mi informiĝis ke via filino ricevos dote 50 milionojn kaj venis por diri ke mi akceptus ŝin por la duono.

DOKTORO *(al nervmalfortulo)*. — Vi devas klopodi esti gaja. Ekzemple, kantu kiam vi estas laboranta.

KLIENTO. — Mi ĉiam faras tion, Doktoro, sed tio ne helpas min.

DOKTORO. — Kiu estas via profesio?

KLIENTO. — Operkantisto.

En la Skotaj montoj, du Amerikanaj turistoj rigardas sovaĝan kaj ĥaosan pejzaĵon.

— Ĉu tio ne pensigas vin pri la infero? demandas unu el ili al sia amiko.

Aŭdante tion, ilia gvidisto duonlaŭte diras al sia kolego:

— Tiuj Amerikanoj vere iras ĉien.

INSTRUISTO. — Anonimulo estas persono kiu ne deziras esti konata.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Kiu ĵus ekridis, tie malantaŭe en la klaso?

IU VOĈO. — Anonimulo, Sinjoro.

AVO. — Nuntempe, la junulinoj ne plu povas ruĝiĝi. En mia tempo, estis tute malsame.

DORIS (dekkvinjara). — Kion vi rakontis al ili, avo?

— Ĉu vi vidis tiun akrobaton? Li portas siajn du fratinojn kaj siajn tri fratojn sur siaj brakoj.

— Do, li estas vera subteno de familio.

TERURA INFANO. — Ĉu estas vera, Sinjorino, tio, kion diras mia patro: ke vi estas tiel riĉa, ke vi havas tute oran dentaron en via buŝo?

5-6 jara knabeto, perdiĝinta en la strato, alparolas policiston.

— Sinjoro policisto, ĉu vi ne renkontis patron sen lia fileto?

Kaj, ekplorante: — Estas mi la fileto.

Johano rompas la supujon.

LA PATRINO. — Nu, Johano, kion ci far's ankoraŭ?

JOHANO. — Mi estis scivola kiom da pecoj oni bezonas por fari supujon.

# DIVERSAJ INFORMOJ

STENOGRAFIA ENKETO PER ESPERANTO. — La stenografa servo de la hungara parlamento sendis al la parlamentaj stenografoj de la tuta mondo cirkuleron redaktitan en Esperanto, per kiuj ĝi petas informojn pri la organizo de la parlamenta stenografa servo en la koncernaj landoj, la salajroj, la labordaŭro, la metodo kaj la tekniko, k.c. La rezulto de tiu enketo estos libre eldonata. Mendojn oni povas sendi al la Stenografa servo de la hungara Parlamento, Budapeŝto V., Hungarujo. Prezo: unu svisa franko.

LA OFICIALA INAŬGURO DE LA LEKTORECO EN ESPERANTO ĉe la Universitato de Liverpool okazis la 10an de Oktobro je la 15a h. Profesoro W. E. Collinson, Akademiano Esperantista, prelegis pri la «*Strukturo de Esperanto komparata al tiu de la naciaj lingvoj*». La soleno estis prezidata de Prof. L. R. Wilberforce. La lokaj gazetoj favore raportis pri tiu okazintaĵo.

PRAKTIKE AGIS LA URBA TELEFONSERVO DE HAGO, aldonante Esperantotradukon al la tekstoj en nederlanda, franca, germana kaj angla lingvoj, de la instrukcioj por la uzo de la novaj aŭtomataj telefonaparatoj, kiujn ĝi instalis en la publikaj telefonstacioj. Oni sendu gratulan leteron al: «Gemeentelijke Telefoondienst, Marnixstraat, 18, 's-Gravenhage».

ORIENTA GAZET-SERVO. — Eliris la unua numero de tiu servo, eldonata por gazeta uzo de la Komitato por Internaciaj Rilatoj, kies adreso estas: N-ro 5 Mao-tan Street, Nanking, Ĥinujo. Por ricevi senpage tiun bultenon ĉiu interesiĝinto sin turnu al la ĉi-supra adreso.

LITERATURA MONDO dissendis sian Oktobran numeron, kies enhavo estas ree vera ĝuo por la literatur-amantoj. Por fini la jaron venos ankoraŭ duobla numero Novembro-Decembro. Kaj tiam komenciĝos la dua jaro de la dua eldonperiodo de tiu bela luksa revuo. Multaj el niaj amikoj bedaŭris, ke ili ne sufiĉe frue abonis la unuan jaron, ĉar jam kelkaj numeroj de ĝi estas elĉerpitaj. Ili ne risku saman sperton por la venonta jaro kaj jam de nun pagu sian abonon por 1932: Bfr. 62,50 sendotan al Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Poŝtĉeko 1689,58. Tiuj kiuj pagos sian abonon antaŭ la 1 de Decembro ricevos belan bindaĵon por la jarkolekto 1931 kontraŭ aldono de 0,15 usonaj dol. aŭ Bfr. 5,50.

---

# LA URBESTRARO DE LYON KAJ ESPERANTO

La 21an de Septembro, laŭ propono de S-ro Clavel, urba konsilanto, la konsilantaro de Lyon, esprimis unuanime jenan deziron:

« Opiniante, ke la laboro al paciĝo kaj alproksimiĝo inter la popoloj restos vana tiom longe kiom tiuj popoloj povos esprimi sin nur per sia nacia lingvo, la urba konsilantaro de Lyon esprimas la deziron ke estu deklarata deviga, en ĉiuj publikaj kaj privataj lernejoj de la tuta mondo, la instruado de la helplingvo Esperanto. »

Ni gratulas la konsilantaron de la grava urbo Lyon pro tiu elmontro de sia simpatio al la lingvo kaj esperas, ke baldaŭ ni aŭdos pri ĝiaj pluaj paŝoj al la efektivigo de ĝia deziresprimo.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon. Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko nº 1689.58.*

*ESPERANTA VESPERO TRA LA RADIO JFAK, eldonita de Taikoku Esperanto-Asocio Tokio (Japanlando).*

Enhavas la tekston de la «Esperanta Vespero», kiun la tieaj Esperantistoj dissendis okaze de naskiĝtago de Zamenhof, tra la radio-stacio J.F.A.K. La teksto estas en Japanaj literoj skribita, sed kun klarigoj en Esperanto.

*SUR LA FELIĈVOJO, de René E. Bossière, Premiita de Franca Akademio, Citaĵo de Scienca Akademio, esperantigita de Ch. Meunier, kun la kunlaboradoj H. Dubuisson, J. Guillaume kaj E. Chicot. 42 paĝoj 11×17 cm. Eldonis 1930 « Esperantista Centra Librejo », Parizo. Prezo: Fr. Fr. 5,—.*

La libreto estas tre moderna pritrakto de la situacio de Francujo, kaj de Eŭropo en la postmilita tempo, ne de tiu periodo kiu jam estas for, sed de tiu kiu ankoraŭ devas veni kaj kiu daŭras ĝis proksimume 1980. Estas do sonĝo de la aŭtoro, sed sonĝo bazita sur realeco, sur ciferoj, sur kontraktoj. Ne estas eble detale pritrakti la libron. La rekompencoj de la francaj institucioj montras jam sufiĉe ke la temo estis funde pripensita kaj prilaborita. S-ro Ch. Meunier zorgis por flua esperanta traduko kaj lin helpis en tiu laboro H. Dubuisson, J. Guillaume kaj E. Chicot, kiuj ĉiuj kune meritas laŭdojn por tiu laboro.

*MANIFESTO DE LA SENNACIISTOJ. — Eldonaĵo de « Sennaciista Frakcio » el membroj de « Sennacieca Asocio Tutmonda, Nov-Jorko ».*

Ne estas legolibro, sed interesa studolibreto por tiuj, kiujn interesas politikaj kaj ekonomiaj demandoj. Prezo: 1 Respondkupono sendota 19bis rue J. B. Baudin, Villejuif (Seine) Francujo.

*SE GRENERETO. — de Kenelm Robinson, eldonita de la aŭtoro mem en Londono. Ĉefa deponejo: Heroldo de Esperanto Köln, 160 paĝoj 14×19 cm. Prezo: RM. 6,—.*

Enhava iom pli ol dekduo da rakontoj memstaraj. Jam la unua montras nin kun kiaj okuloj oni devas enrigardi la libron. La libro ne estas por infanoj. Ni diru, ke ĝi estas nur komprenebla por plenkreskuloj. Tamen la aŭtoro, kiu zorge verkis la novelojn, neniam iĝis tro kruda, kaj tio estas vera merito en tiaspeca priskribo. Kun bele ore ornamita kovrilo la libro ekstere aspektas tiom alloga, kiom ĝi vere estas laŭ enhavo. Ni ne dubas, ke ĝia sukceso estos tia, kia ĝi meritas.

*POR RECENZO. — de K. R. C. Sturmer 64 Paĝoj 12,50×18 cm. Eldonis: 1930, «The Esperanto Publishing Co Ltd., 142, High Holborn, London, W.C. 1. Prezo broŝ.: 1 ŝ. 6 p.; bindita 2 ŝ. 6 p. afranko 2 p.*

Jen almenaŭ titolo! Dum momento la recenzisto foruzas sian tempon serĉante ĝin, kredante ke temas pri krompreso je lia honoro. Fine li sciiĝas, ke tiu ĉi titolo estas iu de gaja romaneto, en kiu la aŭtoro metis multe da psikalogia analizo, same multe da bonhumoro kaj da ironio, eble iomete specifike brita, sed tamen bone komprenebla ankaŭ por internacia publiko. En postvorto la aŭtoro preskaŭ sin senkulpigas por la uzo de kelkaj neologismoj. Ni devas konfesi, ke, se li ne estus farinta, ni estus riproĉintaj ilin al li, precipe ĉar kelkaj tamen ne ŝajnas al ni tre internacie belaj. Ĉu etoso, evento, obscena kaj precipe « futbalo » vere estas necesaj? La aŭtoro tamen sciu, ke tio ne malhelpis nin eniri entute la « etoson » de la lia libro, ekameti la « sveltan » Finjon; sekvi la « eventojn » de la libro, kiu neniam iĝas « morna » nek « obscena » kaj kiun ni entute multe « aprezis » speciale pro la psikologio de « Oĉjo » Sturmer la aŭtoro. Al kiam nova libro « Por plia recenzo »?

*ESPERDONA ISLANDO, de Jak. de Vreese, S. J. esperantigita de Fratulo Floriano, 12×18 cm., 40 paĝoj, 11 ilustraĵoj. Prezo afrankite: Fr. Fr. 5,—. Eldonis « Espero Katolika, 22, Cours Albert Premier, Paris VIII.*

Tre zorge prezentita libreto, kies kliŝoj sur glata papero presitaj bele aspektas, dum la enhavo ĵetas specialan lumon sur la vivo en tiu malproksima lando, aparte je rilato al la Katolika religio.

*« KAJ ĈIO RESTAS PENSO SED NE FARO », eldono de « Eldona Societo Esperanto, Stockholm.*

Vere ne libro sed artikolo kelkpaĝa de Lakshmiswar Sinha pri interkompreno kaj homara frateco.

*DANCU MARIONETOJ. — Originala novelaro de Julio Baghy. 173 Paĝ. 13,50×17,50 cm. 1931. Eldono de l'aŭtoro. Budapest. Vendorajto ĉe Literatura Mondo, Budapest. Prezo: broŝ. P. 3.80. Bind. P. 6.— kaj P. 4.50 plus 10 %* por sendkostoj.

Ni ne plu devas relaŭdi la meritojn de l'aŭtoro. Sufiĉas diri ke el la plumo de Baghy fluas vere vivanta lingvo, esprimilo kiu neniel pensigas al la artefariteco de sia origino. Ĉiu konatiĝu kun la beleco de tiuj rakontoj premiitaj de l'Akademio.

*PRETER LA VIVO. — Originala Poemaro de Julio Baghy, dua eldono. 94 Paĝ. 13,50×20,50 cm. 1931 Eldono de Literatura Mondo, Budapest. Prezo: Broŝ. P. 2.20. Bind. 3.30 plus 10 % por sendkostoj.*

La dua eldono de tiu valora verketo volonte relegigos la emociajn poemojn, sur kiujn ni povas disŝuti la samajn laŭdojn kiel sur la prozaĵojn de l'aŭtoro.

*HOMARISMA LABORO. — Unuaktaĵo. Originale de Kenelm Robinson. 31 Paĝ. 11,50×15 cm. 1931. Eldono de l'aŭtoro. Ĉefdeponejo: Literatura Mondo. Budapest. Prezo: P. 0.70 plus 10 % por sendkostoj.*

Mallonga satira teatraĵeto pri distanco ekzistanta inter gepatroj kaj filoj. La tuto impresas per cinikeco kvazaŭ intencita. La sukceso dependos de la medio en kiu oni ludos.

*MISTER TOT AĈETAS MIL OKULOJN. — Originala Romano de Jean Forge. 242 Paĝ. 13×19,50 cm. 1931 Eldonis Literatura Mondo. Budapest Prezo: Broŝ. P. 4.50. Bind. 6.50 plus 10 % por sendkostoj.*

Jen la tria originala verko de la talenta pola samideano, kiu jam donis al ni: « Salto trans jarmiloj » kaj « Abismoj ». Lia nova verko brilas pro la originaleco de l'pritaktita temo kiu disvolviĝis helpite de la plej modernaj teknikaĵoj. La leganto estas katenita kaj ne formetas la libron ĝis la fino. La lingvo estas forta kaj pentra. Valora reĉigaĵo de nia literaturo. Oni tuj mendu kaj legu.

*LINGVO, STILO, FORMO. Lingvaj studoj de Kolomano Kalocsay. 142 Paĝoj. 13×19,50. 1931. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo: broŝ. P. 3.40 bind. P. 5 plus 10 % por sendkostoj.*

Tre interesaj rimarkoj por proz- kaj rimverkistoj kaj ĝenerale por ĉiuj Esperantistoj, kiuj sin interesas pri la evoluo de la lingvo.

*RIMPORTRETOJ. — Galerio de Esperantaj steloj, kun 55 fotoj. Pentris K. Kalocsay. 128 Paĝ. 11×14 cm. 1931. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo: Broŝ. P. 3.40. Bind. P. 5.— plus 10 % por sendkostoj.*

Tre interesaj, kelkfoje malice ironiaj kaj pikaj portretoj pri kelkaj « steloj » de la Esperanta Literaturo. Ne necesas aldoni ke la leganto renkontos stelojn « de diversa grandeco » kaj eble ankaŭ iun aŭ alian pri kies facile atribuita « stel-eco » li iom miros.

---

**Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.**

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.